1ª jaro. 6ª numero.




# BELGA ESPERANTISTO

## Monata Revuo

REDAKTATA DE

Léon CHAMPY, Fr. SCHOOFS,
Jer. VAN LAERE,
VAN DER BIEST-ANDELHOF,
kaj Oscar VAN SCHOOR

kun la kunlaborado de multaj aliaj belgaj kaj eksterlandaj esperantistoj.

APRILO 1909

*ENHAVO :*



*UNU NUMERO : Fr. 0.40 = 16 sd.*

ANTVERPENO
(Antwerpen — Anvers)
Eldonanto : Fr SCHOOFS, 49, Kleine Beerstraat (Rue de la P^te Ourse).

# Belga Ligo Esperantista

## ĈIUJARA KOTIZAĴO:

(JAARLIJKSCHE BIJDRAGE — COTISATION ANNUELLE ):

Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires . . . . . . . . . . Fr. 1.00
Protektantaj membroj (Beschermende leden. — Membres protecteurs) . . . . . . Fr, 10.00
Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners. — Membres bienfaiteurs) . - , . . . . . Fr. 25.00

## Honora Komitato :

Sroj F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
Dro V. DESGUIN, Skabeno de la Publika Instruado, Antverpeno.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antverpeno.
Dro GASTER, Direktoro de la Germana Lernejo, Antverpeno.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE. Mons.
Frato IZIDORO, profesoro ĉe la Reĝa Instituto de Surdmutuloj kaj de Blinduloj, Woluwe-Bruselo.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
Generalo LEMAN, Komandanto de la Militista Lernejo Bruselo.
MOURLON, Direktoro de la Geologia Oficejo, Bruselo.
O. ORBAN, profesoro ĉe la Universitato, Lieĝo.
ERNEST SOLVAY, senatano, Bruselo.

# AGADA KOMITATO :

Prezidanto : S[ro] Van der Biest-Andelhof, 26, Arendstraat (Rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers).
Vice-Prezidantoj : S[ro] A.-J. Witteryck kaj S[ro] Abato Richardson.
Generala Sekretario : S[ro] L. Champy, 21, Lange Herenthalsstraat (Longue Rue d'Herenthals), Antwerpen-Anvers.
Kasisto : S[ro] Osc. Van Schoor, 20, Vondelstr., (Rue Vondel) id.

## Membroj elektitaj de la Ĝenerala Kunveno :

S[roj] L. Champy, (Antverpeno), Komandanto Duverdyn (Bruĝo), Abato Richardson (Bruselo), Fr. Swagers, D[ro] R. Van Melckebeke kaj Osc. Van Schoor (Antverpeno).

## Delegitoj de la Grupoj :

ANTVERPENO (1) (*Antverpena Grupo Esperantista*), S[roj] Ad. Finet, Van der Biest-Andelhof.
» (*La Verda Stelo*), S[roj] J. B. Istace, Fr. Schoofs.
BERCHEM (*Berchema Grupo Esperantista*), S[roj] Ad. Goossens, Ant. Havermans.
BEYNE-HEUZAY (*Antaŭen*), S[roj] Jules Albert, D[ro] Dupont.
BOOM (*Boma Grupo Esperantista*), S[ro] Jules Clerbaut.
BRUĜO (2) (*Bruĝa Grupo Esperantista*), F[ino] B. Ledène, S[ro] A. J. Witteryck.
BRUSELO (3) (*Pioniro*), F[ino] A. Guillaume, S[ro] Oct. Chalon.
HUY (*Esperantista Grupo*), S[ro] H. Thiry.
KARLOREĜO (4) *Karloreĝa Grupo Esperantista*), S[ro] L. Delvaux.
MARIABURG (*Verda Flago*) S[ro] Fr. Willemsen.
MORESNET-BELGA (*La Fidelaj Amikoj de Zamenhof*), S[ro] P. J. Schmetz.
MORESNET-NEŬTRA (*Amikejo*), S[ro] Karl Schriewer.
NAMUR (*Namura Stelo*), S[ro] A. Verbeken.
NIVELLES (*Grupo Esperantista*), . . . .
S[ta] TRUDO (5) (*Excelsior*), S[ro] Fr. Leenen.
» (*Stelo Matena*), S[ro] Pol Stappers.
VERVIERS (*Esperantista Grupo*), S[ro] Jos. Parotte.

---

(1) Antwerpen, Anvers. — (2) Brugge, Bruges. — (2) Brussel Bruxelles. — (4) Charleroi. — (5) St Truiden, St Trond.

# ESPERANTA GAZETARO

## I. — SPECIALAJ GAZETOJ :

**Oficiala Gazeto Esperantista.** — 5 fr. — *51, rue de Clichy, Paris.*

**La Esperanta Kolektanto.**— 2 fr.— *Weltwarte*, Leipzig St, (Germanujo).

**Esperanta Ligilo**, en reliefpunktoj, por blinduloj. — 3 fr. — Th. Cart, *12, rue Soufflot, Paris.*

**Espero Pacifista.** — 5 fr. kun laŭvola aligo al la Esperantista Societo de Paco. — Gaston Moch, *26, rue de Chartres, Neully sur-Seine* (Francujo).

**Espero Katolika.** (4 fr.) 5 fr. — Administrejo 23, *rue Joubert, Paris.*

**Internacia Pedagogia Revuo.**— 2 fr. 75.— en *Bvstrice-Hostyn* (Aŭstrio, Moravio).

**Internacia Scienca Revuo.** — 7 fr. — Internacia Scienca Oficejo, *8, rue Bovy-Lysberg, Genève* (Svisujo).

**Tra la Filatelio**, internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj. — (2 fr.) 2 fr. 50 — Fize, *au Patissou, Béziers* (Francujo).

**Voĉo de Kuracistoj.** — 2 fr. 50. — D[ro] Stephan Mikolajski, 6, strato Sniadeckic, *Lwow* (Austrio).

**Export-Esperantist.**—(Esp. Angle) 5 fr. — *404, Security Bdlg, Chicago*, Ill. U. S. A.

## II. — ĜENERALAJ KAJ BELETRISTIKAJ GAZETOJ :

**Eĥo Esperantista.** — 2 fr. 50. — J.-H. Schorer, *Wilhelmstr., 29, Berlin.*

**Esperanta Internacia Revuo**, industria, komerca, eksporta, filatelia reklama kaj literatura. — 5 fr. 15. — *Ulloi-ul, 59, Budapest.*

**Esperanto**, dusemajna. —(4 fr.) 5 fr. — Librairie de l'Esperanto, *15. rue Montmartre, Paris.*

**Espero** (Ruse), internacia revuo de la kultura unuigo de popoloj, organo de la Societo *Espero.* — 10 fr. — *Vjestnik Znania, 147, Nevsky pr., Peterburgo.*

**Juna Esperantisto**, Por junuloj, instruistoj kaj lernantoj. — 2 fr. 50. — Presa Esperantista Societo, *33, rue Lacépède, Paris.*

**La Bela Mondo**, ilustrata.— (Mk 6) fr, 7,50.— F. Emil Boden, *12, Bismarckplatz, Dresden.*

**Lingvo Internacia.** — 2 fr. 50. — Presa Esperantista Societo, 33, *rue Lacépède, Paris.*

**La Revuo**, literatura, kun konstanta kunlaborado de D[ro] Zamenhof.— 7 fr.— Hachette, 79, *rue Saint-Germain, Paris.*

**La Spritulo**, gazeto por ŝerco, humoro kaj satiro, — 3 fr.— Richard Bresch, Körnerstr., 31, *Leipzig* (Germanujo).

## III. — NACIAJ PROPAGANDAJ GAZETOJ :

*Alĝerio* — **Afrika Esperantista** (France).— Senpaga por la membroj de la grupo de Alger.— 4, *rue du Marché, Alger.*

*Aŭstralio.* — **The Australian Esperantist.** — 0 fr. 30 por ĉiu numero.— R. Dossor, *Bridgestreet, Benalla* (Viktorio).

*Austrio.*—**Informaj Raportoj** (Germane).— 2 fr 50.— K. F. Ahlgrimm, *Bandgasse, 31, Wien* VII/1. (Vidu ankaŭ : *Bohemujo).*

*Azia Turkujo.* — **Greklingva Esperantisto**, (Greke-Esp.) — (Piastr. 11.35) 3 fr. — *Samosa Esperantista Societo*, Samos (Azia Turkujo.

*Belgujo.* — **Belga Esperantisto** (Esp., Flandre kaj France) — (4 fr.), 5.00). — Osc. Van Schoor, 20 *Vondelstraat, Antwerpen.*

*Bohemujo.* — **Časopis Českych Esperantistu** (Boheme). — (3 Kr.). 3 fr, 75. — *Praha II.*

*Bohemujo.* — **Bohema Esperantisto** (Esp., kaj Boheme). — 4 fr., 25. — Red., *Praha III*, 495 (J, Iglauer), Adm., en *Jevičko* (Aŭstrio, Moravio).

*Brazilo.* — **Brazila Esperantisto** (Portugale), — 6 fr, — *Largo de S. Francisco da Paula*, 4, Sob., *Rio de Janeiro.*

*Britujo.* — **The British Esperantist** (Angle). — (3 ŝil.). 4 fr. — *Museum Station Buildings*, 133-136, *High Holborn Londen. W. C.*

*Britujo.* — **La Esperanta Instruisto** (Angle). — (1ŝ. 6 p.). 2 fr. 50, — *Stead's Publishing House*, 39 *Whitefriars street Londen, E. C.*

*Britujo,* — **La Londona Gazeto** (Angle). — C. A. Fairman, 70 *Romola-road, Herne Hill*, London S. E.

*Bulgarujo.* — **Lumo** (Bulgare). — (3 fr. 50) 5 fr. — *Tirnova.*

*Ĉilo.* — **Ĉilo Esperantista** (Hispane) — 2 fr. — *Casilla* 1989, *Santiago.*

*Ĉilo,* — **La Du Steloj** (Hispane). — 5 fr. — 1437, *calle de la Catedral, Santiago.*

*Ĉilo.* — **Esperantaj Skribaĵoj** (Hisp.), — 1 fr. — *Casilla* 1284, *Santiago.*

1ª JARO. APRILO 1909. 6ª NUMERO.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO,

redaktata de Léon Champy, Fr. Schoofs, Van der Biest-Andelhof, Jer. Van Laere kaj Oscar Van Schoor.

ABONPREZO :

| | |
|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) |

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen-Anvers.
Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.
Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.



# Vª Esperantista Kongreso

**(Barcelono, 5-12 Sept. 1909)**

## FLORAJ LUDOJ

**Iliaj Majestaj Moŝtoj, la Gereĝoj de Hispanujo, ALFONSO XIII kaj VICTORIA EUGENIA DE BATTENBERG, aljuĝas premion da 250 pesetoj, por la jena temo : Monografio pri hispana pentristo.**

## LA GEPATRAJ LINGVOJ KAJ ESPERANTO

**Al la geanoj de la malgrandaj nacioj.**

Kio estas la celo de la Esperantismo ? Fratigi la homaron, ĉu ne ? Tamen ĉar ni celas fariĝi « granda rondo familia, » ni tial tute ne devas forgesi la fontojn, el kiuj ni devenis. Ni povas forgesi, nek nian patrolandon, nek nian nacian historion. Ni devas konservi la prapatrajn tradiciojn ; antaŭ ĉio ni devas konservadi nian nacian lingvon. La nacia lingvo estas la aŭtentika titola dokumento de la nacia naskrajto, la plej bela ĉenero kiu kunligas nin kun la pasintaĵo.

Nu ! Ni konstatas ke la lingvoj de la grandaj landoj pli kaj pli minacadas la ekzistadon de tiuj de la malgrandaj nacioj. Tio ĉi okazadas ĉie. Do ni penu kaj penadu savi niajn

gepatrajn idiomojn : ni fariĝu fervoraj por ilin konservadi, kaj, kuniĝintaj kaj tiel plifortigitaj per nia kara Zamenhofa lingvo, ni nepre atingos nian celon, malgraŭ la malhelpaĵoj alĵetataj sur nian vojon.

Geidoj de la malgrandaj nacioj ! Eble inter vi mi trovos kelkajn sampensulojn : se jes, mi proponas al vi la jenon : Starigu ni per Esperanto tutmondan ligon por la defendo kaj la konservado de niaj minacataj lingvoj, kaj celante ĉi tion, kunvoku ni kunvenon dum la venonta kongreso en Barcelono.

Tiu ĉi ĝenerala ligo estos helpema ne nur al la diversaj naciaj lingvoj, sed ankaŭ altiros al Esperanto la atenton de multaj diverslandaj patriotoj kiuj laboradas por atingi la saman celon kiel ni. Ĝi (la Ligo) naskos reciprokan kaj utilan interŝanĝon de ideoj kaj emon de reciproka kuraĝigo, kiu siavice naskos ĉiam kreskantan senton de frateco inter la anoj de la malgrandaj nacioj kaj ankaŭ la senton ke, batalante por la sama celo, ni havas la simpation de la sampensuloj tra la mondo.

* * *

Mi speciale deziras paroli pri nia kara irlanda lingvo, sed eble miaj vortoj trafos ankaŭ kelkajn el la idoj de malgrandaj landoj.

Samlandanoj ! ni daŭrige imitu niajn praavojn ! Ni imitu ilian bonecon kaj saĝecon, ĉar ili estis sanktuloj kaj herooj. Sed kiuj montros ĉi tiun ekzemplon al vi ? La gefiloj de de Innisfail (1) ! Kiuj parolos al vi pri viaj praavoj ! Pri kio ili pensadis kaj faradis, pri kio ili serĉadis kaj sentadis ? Pri iliaj sanktaj kaj altaj kutimoj ? Kies estas la voĉo en la dezerto por rakonti al vi pri tiuj, kiuj servadis kaj amadis Dion kaj estis fidelaj en la antikvaj tempoj kiam la homoj noble pasigis la vivon ?

La voĉo de viaj praavoj mem paroladas al vi en la literaturo de Irlando, kiu vokas vin el ĉiu altejo kaj valeto, el ĉiu lago kaj rivero en Erin, (1) kies nomoj estas belaj, brilantaj per la magiaj nuancoj de la Gaela poezio, kaj svarmas kun memorindaj historiaĵoj pri batalo kaj festo. La sama voĉo ameme daŭradas kie la indaj kamparanoj de la Okcidento rakontadas la legendon, la historion, aŭ la tradician instruadon en la senornamaj hejmoj de Kerry kaj Konamara kaj malnova Tirkonel. Sed antaŭ ĉio tiu voĉo en la malnova lingvo mem — la Didonita esprimo de la irlanda koro, de la viglega irlanda animo !

Irlandanoj ! Patrino Erin deziras paroli kun siaj gefiloj ! Ŝi tute ne bezonas kaj ŝi ne toleras interpretanton. Ĉu decas ke estu interpretanto inter la Patrino kaj ŝiaj infanoj ?

PATRICK PARKER C. C.
Kilmeashal, Ferus Co. Werford, IRLANDO.

(1) Innisfail kaj Erin estas nomoj poeziaj de Irlando.

# Respondo al Sro Swagers.

Mi dankas Sinjoron Swagers pro la ĝentileco de lia artikolo, sed mi petas permeson respondi kelkajn vortojn al la kritikoj, kiujn li faris pri mia cirkulero. La unua kritiko estas ĝusta; efektive, mi dissendis en Eŭropo proksimume 1500 cirkulerojn, kaj ricevis aliĝojn nur de 8 Angloj, 1 Bohemo, 1 Bulgaro, 2 Danoj, 30 Francoj, 24 Germanoj, 2 Hispanoj, 2 Holandanoj, 2 Italoj, 1 Polo, 2 Rusoj; sume 75. Tial ke por eldoni ĵurnalon nur 16 paĝan sen tro granda perdo de mono, mi bezonus 200 abonantojn, mi forlasis mian intencon. Estas iom domaĝe; ĉar inter la respondintoj troviĝas konataj esperantistoj (inter ili 9 membroj de la L. K., kun kiuj diskutado estus fruktodona); sed tial ke mia projekto ne sukcesis, mi opinias ke mi ne havas rajton citi ies ajn nomon. La 2a 3a kaj 4, kritikoj ne akordiĝas kun la 1a. Efektive, gazeto, kiun abonus 200-300 esperantaj diplomitoj, ne povas sen trograndigo esti nomata publika esperanta disputejo, kaj tial ke unu liberala ĵurnalo ne povas stariĝi, oni ne devas timi tiun multiĝadon da disputaj organoj, ke la granda publiko sin amuzos pri tio.

Sro Swagers diras ankaŭ ke ordinara samideano (nediplomita) okaze povas havi pli simplan, kaj praktikan ideon ol li. Sed nenio malhelpas ke tiu samideano konigu sian ideon en la ĵurnalo; kaj la diplomitaj estas certe kapablaj ĝin juĝi, precipe post unujara uzado. Tial mi ne komprenas kial Sro Swagers diras ke mia projekto ne estas sufiĉe ĝenerala. Laŭ mi, la nunan krizon naskis la fama frazo pri la fundamento « kiu devas resti severe netuŝebla, eĉ kune kun siaj eraroj. » Tiu frazo indignigis ĉiujn ilin, kiuj opinias ke nenio en la mondo povas ekskuzi nekorektadon de eraro; kaj mi tre deziras ke fariĝu videbla ke ĝi ne plu ekzistas, kaj ke esperante, kial ĝi ajn, estas plibonigebla. Kiamaniere evoluo, pri kiu oni teorie konsentas, povas efektiviĝi, ne rompante la necesan unuecon? Ŝajnas al mi ke sola taŭgas la eksperimenta metodo, kiun mi proponis. Oni devas akcepti la nunan Akademion kiel regulantan de la lingvo. Estus danĝere postuli Akademion starigotan per votado. Efektive, oni ne povus rifuzi al estontaj esperantistoj rajton, kiun la nunaj estus ĝuintaj; sekve ni estus altirataj al periodaj votadoj, kun ilia malbela sekvantaro da intrigaj kaj personaj atakoj. Baldaŭ la politiko sin intermiksos (kie ĝi nune ne sin ŝovas?) kaj, plej malbona afero, internacia politiko, kie ŝovinismo ludos eble pereigan rolon. Do mi tute konsentas kun la lasta frazo de Sro Swagers. Sed kiamaniere la Akademio povos kontentigi la progresulojn, se ĝi ne konas iliajn dezirojn, kaj se antaŭa praktika elprovo ne montris tiujn dezirojn akceptindajn?

Nune la solaj mastroj de Esperanto estas la redaktistoj de l'ĉefaj esperantaj ĵurnaloj. Tro maljuna por min iluziivi, mi

longe hezitis antaŭ la perdo de tempo kaj de mono ; kaj mi decidiĝis nur post forlaso de Esperanto de Belga Sonorilo, en kiu mi unue esperis. Kvankam mi ne sukcesis, mi ne bedaŭras mian penon. Eble la ideo, kiun mi unue flugigis, daŭrigos sian vojon piede, kaj estos sublevata de esperantisto pli konata ol mi, kiun mi, plezure, sekvos.

H. SENTIS.

Ni volonte konsentis publikiĝi la ĉi supran respondon de S^ro Sentis al S^ro Swagers.

Pri la subjekto pritraktita de niaj ambaŭ samideanoj ni ricevis diversajn pliajn artikolojn, inter kiuj estas kelkaj tre ampleksaj. Ne povante enpresi ĉiujn, ni decidis fermi la diskutadon pri la demando : niaj estimataj korespondantoj bonvolu kompreni nian situacion kaj nian sintenadon.

B. E.

# AMIKEJO(1)

## II — Kion ni celas. — Kion ni jam efektivigis.

Se vi memoras la pruvojn kiujn mi donis pri la trea internacieco, pri la favora kuŝeco kaj pri la speciala ĉarmeco de Neŭtra-Moresneto, vi trovos logika nian celon fari el ĝi ĉeestejon de Esperantistoj.

Tiel efika estas la forto de la projekto ke apenaŭ 7 monatoj estis pasintaj de ĝia elpensado, kaj jam multaj samideanoj kun iĝis en Neŭtra-Moresneto : ili venis el la plej diversaj landoj. Kiam vi, kara samideano, iros Amikejon, petu S^ron Schriewer, la tiean konsulon, ke li bonvolu rakonti al vi la strangan, aventurplenan vojaĝon de Anglo kiu, forlasinte sian patrujon por viziti Neŭtran-Moresneton, rondiradis ĝin mi ne scias kiom da horoj ne povante ĝin trovi. Li uzis pli da tempo ol por iri el Londono ĝis Aacheno. Mi mem tuj rakontus al vi la historion, se mi havus la talenton de S^ro Schriewer.

Same vi trovos logika nian celon fari el tiu ĉi lando *esperantan landon*. Kio estas esperanta lando ? Tio estas lando karakterizata per Esperanto tiel kiel industria lando estas lando karakterizata per industrio. Nu, vidu ĝis kiu grado Esperanto karakterizas Neŭtran-Moresneton. Se, laŭproporcie, tiom da fremdaj esperantistoj trapasus la grandan Germanujon, la grandan Francujon kiom la malgrandan, la naztukgrandan Moresneton, ili vojaĝus po milionoj. Se, laŭproporcie tiom da esperantistoj loĝus en la diversaj ŝtatoj kiom en Neŭtra-Moresneto, ili estus milionaj en Eŭropo, milionaj en Ameriko. En neniu lando la loĝantaro lernas tiom facile la neŭtran lingvon kiom en Neŭtra-Moresneto, ĉar tie ĉi la homoj, sciante la francan kaj la germanan lingvon, konas ĉiujn esperantistajn radikojn. Dum

(1) Vidu la numeron de Novembro-Decembro 1908.

en Belgujo, Germanujo, Anglujo kvazaŭ nur kleruloj parolas esperante, en Neŭtra-Moresneto ankaŭ fabriklaboristoj, kudristinoj parolas tiel. Unu vesperon de la lasta Aŭgusto mi sekvadis straton de Amikejo. « Bonan tagon, » mi diris al du servistinoj starantaj antaŭ sia pordo. « Vi eraras, Sinjoro, » ili respondis,« oni devas diri bonan vesperon.»Jes, Neŭtra-Moresneto estas tre karakterizata per Esperanto : sur ĝiaj domoj aperas pli multaj verdaj ŝteloj ol plakoj de asekuro kontraŭ brulado.

Neŭtra-Moresneto estas esperanta lando, kial ne esperanta ŝtato ? Esperanta ŝtato estas ŝtato karakterizata per Esperanto ; nu, Neŭtra-Moresneto estas ŝtato, ĉar ĝi havas sian propran leĝaron, kaj tiu ŝtato estas esperanta.

Esperanta ĉeestejo, esperanta restadejo, esperanta lando, esperanta ŝtato, Neŭtra-Moresneto estos tre utila por la Zamenhofa lingvo, ĉar ĝi tre facile iĝos esperanta Bajreŭt'o. Efektive per la festo de la 27ª de Decembro 1908 oni vidis kiom farebla estas la aranĝo de neŭtralingva prezentado en la teatro de Amikejo. Tre ambicia certe ŝajnis la intenco realigi en Amikejo esperantistan Bajreŭt'on. Se la venontan Aŭguston ni estos tiom multaj en Amikejo kiom la lastan, kaj ludos komediojn kiel la 27ªⁿ de Decembro, ni estos realigintaj modestan Bajreŭt'on. Pli malfrue, dum la granda antverpena esperantista kongreso, kiam samideanoj el ĉiuj partoj de la mondo vizitos Belgujon, ni efektivigos grandegan Bajreŭt'on. Ĉu ne vere, S^ro Van der Biest ? Vi, S^ro Balthazar, povas jam esperantigi la francan kanton Bébert kiun vi artistege kantas, kaj multaj diverslandanoj aplaŭdos vin. Atendante ke ni havos operojn, ni jam havas por la komencanta Bajreŭt'o du himnojn de Amikejo, tiun de Fraŭlino Moreau kaj tiun de S^ro Peka-Keller.

Ĝis nun mi montris la taŭgecon de Amikejo *por Esperanto*, jen estas due la taŭgeco de Amikejo *per Esperanto*.

Esperanto estas necesa por internaciaj kongresoj. Dank'al U. E. A. kiu penadas krei rilatojn inter ĉiulandaj homoj, kiu interligas diversnaciajn komercistojn, diversnaciajn turistojn, ni aranĝos en Amikejo kongresojn de komercistoj, kongresojn de industriistoj, kongresojn de turistoj, sekve kongresojn de pacifistoj. Dank' al la donacema S° Schwob kiu volas elspezi kvin mil spesmilojn en Amikejo pri aerveturado, ni starigos flugmaŝinajn konkursojn en tiu ĉi neŭtra krucvojo de la popoloj.

Ni celas multon por Esperanto kaj per Esperanto. Kion ni jam efektivigis tion mi diros la proksiman fojon.

GUSTAVE ROY.
Toulouse.

# Por la Blinduloj lernemaj !

Antaŭ kelka tempo, la Protektanta Societo por Blinduloj en Antverpeno organizis festan kunvenon, dum kiu Pariza advokato faris impresigan paroladon pri la blinduloj. La parolanto estis bela, fortika, juna viro ; li pritraktis varme sian ŝatindan temon : Por la plibonigado de l' sorto de miaj blindaj fratoj !.... Ĉar la fama oratoro estis blindulo, nome S[ro] Maurice De Saegher, doktoro pri leĝosciencoj. Naskita en Gento, li poste en Pariza instituto faris mirindajn studojn kaj fine akiris la diplomon de advokato. Ĉiujn siajn talentojn li nune uzas por la plifeliĉigo de siaj blindaj fratoj. Mi ne intencas analizi lian rimarkindan paroladon, ĉiuj Antverpenaj ĵurnaloj detale kaj laŭde pri ĝi raportis kaj eĉ diskutis. Mi nur ĉerpas la jenon el « La Métropole » rilate al nia afero :

« La bibliotekoj por blinduloj estas nesufiĉe provizataj en Belglando : tamen alilande, sindonemaj gekopiistoj sin prezentas multnombre kaj entuziasme por ĉi tiu laborado facila, eĉ alloga kaj filantrope tre laŭdinda..... Pri tio ĉi, ni atentigas al la blinduloj la uzadon de *Esperanto*, kiu ebligas unuigi ĉiujn iliajn bibliotekojn kaj ege faciligi ilian rondiradon, igante ilin internaciajn. Ĉe la instituto de Woluwe St Lambert ekzistas sub la direktado de Frato Isodoro esperantista sekcio, kiu donas la plej bonajn rezultatojn. »

Ni aldonas ke ĉi tiuj junaj blinduloj plejkore ŝatas Esperanton. En la baldaŭ eldonota « Belga Esperantista Adresaro » de S[ro] Van Schoor oni atentu pri la blindaj ekslernantoj de Frato Isidoro, kiuj nun estas profesoroj, muzikistoj aŭ metiistoj : ĉiuj restas entuziasmaj esperantistoj, ĉar Esperanto estas senkontraŭdire la plej logika kaj taŭga ligilo inter divers landaj blinduloj.

JER. V. L.

---

# La voĉo de l'sonoriloj.

BAPTO.

— Ho vi ! Sonoriloj, tre gajaj vi estas !
Cu himnon al Dio vi tiel aŭdigas !
Pro kio vi kantas ?
— De nova naskito ni kantas alvenon,
Al nova kreito ni krias « Bonvenon, »
Gi pace kreskadu ! Feliĉa ĝi vivu !
Ni kantu ! Ni kantu !

EDZIĜO.

— Ho vi ! Sonoriloj, tre ĝojaj vi ŝajnas,
Belegajn ariojn vi ĉien elĵetas !

Pro kio vi festas !
— De belvirtulino ni festas edziĝon,
De ĉarma junulo ni gloras geiĝon
Jen amo ! Feliĉo ! — Kontento daŭradu !
Ni festu ! Ni festu !
ALVOKO
— Ho vi ! Sonoriloj, koleron vi montras !
Loĝantoj atentis ! Ĉu io okazas ?
Pro kio vi bruas ?
— Jen la malamikoj alpaŝas perfide,
Kaj ili ekprovas nin kapti rapide !
Ni ĉiuj pretiĝu ! Ni laŭte alvoku !
Ni bruu ! Ni bruu !
MORTO
— Ho vi ! Sonoriloj, vi kvazaŭ kompatas
Kaj tute funebre vi nun eksonoras !
Pro kio vi tintas !
— Je ĉerko enhavas plej dolĉan virinon,
— Kaj ĉirkaŭ jen orfoj plorantaj patrinon
Adiaŭ ! Infanoj priploru, memoru !
Ni tintu ! Ni tintu !

AUG. ANDRÉ (Parizo.)

---

# ESPERANTO FACILA

## Kiam oni uzas la finaĵon *n*.

Sekve de la afabla letero de Fraŭlino Jozino, (vidu la lastan numeron de « Belga Esperantisto ») mi ricevis aron da poŝtsendaĵoj de aliaj novaj kaj kuraĝaj Esperantistoj.

Male je mia unua korespondantino, kelkaj samideanoj ofte eraras pri la uzado de la akuzativa *n*. Ili humile konfesas, ke ili bedaŭrinde forgesis preskaŭ ĉion pri sia *nacilingva gramatiko,* ke ili do konas nek subjekton, nek objekton ! Ili petas min helpi ilin.

Plezure mi provos doni al ili kelkajn praktikajn konsilojn. Tamen oni bonvolu rimarki ke ne nia simpla lingvo Esperanto, sed la ĝenerala gramatika scienco necesigas tiun laboron.

Jen do la A B C pri la uzado de la akuzativa *n*.

* * *

A) — **La tri ĉefaj demandoj.**

1° Verbo ?

2° *Kiu* (aŭ kio) »... as ?

Subjekto, ĉam sen finaĵo *n*.

3° Subjekto (jus trovita) + verbo... *kion* ? (aŭ : *kiun* ?)

Objekto, ĉiam kun finaĵo *n*.

Per ekzemplo vi tuj komprenos la valoron de tiuj 3 demandoj :

Hodiaŭ la poŝtisto aŭ poŝtiston alportis belaj vidkartoj aŭ belajn vidkartojn.

1° Kie estas la verbo ? — *alportis.*

2° *Kiu* alportis ?

La poŝtisto, — subjekto.

3° La poŝtisto alportis *kion* ?

belajn vidkartojn, — objekto.

En estonto, faru tion pri ĉiu frazo. Sed ne forgesu ke :

a) kelkfoje la subjekto estas nur pensata, ekz : Li petis min, montri al li la vojon (= ke *mi* montru...)

b) kelkfoje objekto ne ekzistas, (do vi havos neniun respondon pri la 3ª demando) ekz : Tiuj oficistoj revenas de sia ofico.

B) — La direkteca *n*.

Uzu tiun *n* ĉe la nomo de persono, objekto aŭ loko, al kiu sin direktas, per prepozicio aŭ ne, la ago de la verbo. Ekz. :

Mi metas la mano*n* (objekto) sur la tablo*n* (la mano sin direktas al la tablo !) Ili si*n* jetis sur mi*n*. La soldatoj eniras (en) la granda*n* soldatejo*n*.

Atentu ! Tiu *n* sin prezentas pli malofte. Neniam uzu *n* post *al* kaj *ĝis* (kiuj jam sufiĉe esprimas la direkton) post *de, da, el, kun, per, por, pro, pri,* kaj aliaj prepozicioj, kiuj ne povas esprimi direkton al iu aŭ al io. Ekz. :

Mi iras al trinkejo. Tiuj komercaĵoj venas el ĉiuj landoj. Li faris tion per la mano. K. t. p.

C) — La komplementa *n*.

En tempaj, mezuraj kaj valoraj komplementoj, sen prepozicio, oni povas uzi klarecan *n*. Ekz :

Mi venos ciu*n* jaro*n* ; tiu tuko kostas du frankoj*n* po unu metro ; ĵaŭdo*n*, la 1ªⁿ de Aprilo ; k. t. p.

Tamen en tiuj komplementoj oni ankaŭ povas simple uzi la nedefinitan prepozicion *je* sen akuzativa *n*, aŭ sin esprimi adverbe. Ekz : Mi venos je ĉiu jaro, ĉiujare... (Vidu la korektitan leteron de Jozino).

— Rimarku por faciligi vian taskon —

Escepte en supre montritaj komplementoj, neniam uzu la *n* ĵus antaŭ aŭ ĵus post verboj kiel *iĝi, esti, resti, alveni, halti, ripozi, dormi, stari, sidi, kuŝi,* ĉar per tiuj verboj vi povas esprimi nek objekton (A) nek direkton (B). Ekz : La ministr*o* estas la amik*o* de la pentrist*o*. Hieraŭ mia hund*o* kuŝis sur la strat*o*.

* * *

Cu ĉiuj miaj gekorespondintoj bone komprenis la supre-diritajn klarigojn ? Ke ili do tuj ekzercu sin pri la malfacilaĵo per la aliaj artikoloj de tiu ĉi revuo. SKALDO.

# HUMORAĴOJ

### Dum la kalkulinstruado

*Instruisto* al siaj lernantoj. — Kiu el vi scias diri al mi, kiom restas, se de unu entjero mi forprenas kvar kvaronojn ?

*Lernantoj.* — ? ? ? ?

*Instruisto.* — Mi faros la demandon laŭ alia formo. Jen perziko. Mi dispecigas ĝin tiamaniere ke mi havu kvar egalajn partojn. Kio restos, post forpreno de la kvar partoj ?

*Lernantoj,* hore. — La kerno, Sinjoro !

—o—

### Novspecaj ŝuoj

— Mario, iru al mia ŝuisto kaj mendu por mi paron da solidaj ŝuoj. Diru ke li faru la ledplandojn el virinaj langoj, tiam ili estos neeluzeblaj.

— Jes, Sinjoro, kaj mi aldonos ke li faru la supraĵojn el viraj gorĝoj. Tiam ili ne ensorbos la akvon.

—o—

### Skota sprito

— Promesu, Sandy, ke la tagon de mia enterigo, vi prenus kun vi mian patrinon en la unua veturilo.

La edzo silentis momenton, tiam, grandpene :

— Mi tion ĵuris, li diris, kaj mi plenumos mian ĵuron. Sed vi malbonigos mian tagon.

# NEKROLOGIO

### ABATO PELTIER,

† *la 16an de Februaro 1908.*

Ne nur la Katolikoj, sed la tuta Esperantistaro funebras pro la morto de ABATO PELTIER, unu el la plej malnovaj kaj plej fervoraj propagandistoj de nia kara lingvo.

Li estis lerta kaj produktema verkisto kaj fondis dum la jaro 1903 la revuon «Espero Katolika», kiu havas abonantojn en 32 diversaj landoj kaj estis honorata de apostola beno de Lia Papa Moŝto Pio X, laŭ speciala indulto de la 27a de Junio 1906.

Abato Peltier estis prezidanto de la katolika komitato dum la IIa esperantista kongreso en Ĝenevo (1906) kaj predikis esperante tie. Bedaŭrinde grava kaj kruela malsano malhelpis al li prezidi la katolikan fakon en Kembriĝo (1907) kaj en Dresdeno (1908).

Dank' al lia inda karaktero, al lia intelekta supereco kaj nelacebla energio li havigis al la katolikaj esperantistoj tre honoran kaj gravan lokon inter la rangoj de la internacia ka pacema armeo, kies celo estas la interfratiĝo de la homaro.

Nia bedaŭrata] samideano estis esperantisto progresema sed ĉiam fidela. En la lasta letero, kiun li skribis al mi (la 20an de Januaro 1909) li esprimis sian ĝojon pro la reapero de «Espero Katolika», kiun li komisiis al komitato internacia en Parizo. Li aldonis : « *Espero Katolika* uzadis ĉiam kaj ĉiam uzados nur la puran, Zamenhofan Esperanton. »

Mi ne havis la plezuron koni persone Abaton Peltier. Sed ni interkorespondis ofte dum pli ol du jaroj. Mi sentis por li la plej grandan admiron kaj fratan amon. Li estis vera kristano, larĝanima, nepre ortodoksa, sed tamen tre tolerema, zorgema por eltrovo ĉe la homoj tion kio unuigas, kaj eviti tion, kio disigas.

La vivo de Abato Peltier estis laŭdinda ekzemplo. Benata estu lia memoro !

AUSTIN RICHARDSON.

**Sro J. MASSAU**

Ni ekscias la morton (10an de Februaro) de Sro J. Massau, profesoro ĉe la Universitato de Gento.

Sro J. Massau, kiu unue partoprenis en la Volapukista movado estis unu el la plej malnovaj esperantistoj de Belglando. Li akceptis antaŭ du jaroj honoran membrecon de la komitato de la Belga Ligo Esperantista.

Kvankam la respektinda mortinto malkaŝe aliĝis dum la lasta tempo al la reformemaj ideoj laŭ Ido, li tamen neniam rezignis la honoran membrecon iam prezentitan al li.

B. E. honoras la memoron de la granda scienculo kiun nia lando perdis, kaj prezentas respektplene al la funebranta familio de Sro Massau siajn sincerajn kondolencojn.

B. E.

# Pri la lingvaj aŭ spritaj Ludoj

Samideanoj petis de mi klarigojn pri la proponitaj problemoj. Tre volonte mi faros tion ĉar mi deziras, ke multo da legantoj de nia kara revuo interesiĝu pri tiuj amuzaĵoj, kiuj estas samtempe tre utilaj. Por solvi tiajn demandojn, estas necese ofte tralegi la vortaron : tiel oni lernas aŭ memoras multajn vortojn ; la propra senco de la afiksoj preciziĝas en la spirito.

Plie mi opinias, ke, por Esperantistoj izolitaj, la solvo de la problemoj estas alloga kaŭzo por zorgi pri Esperanto, kiun ili eble malzorgus pro manko de praktika utileco.

**Metagramo** konsistas el forpreno de unu litero, kiun oni anstataŭas per alia, por fari novan vorton. Ekz. *mono, bono-kono-sono*.

Notu, ke la forprenata litero devas ĉiam esti en la sama loko. Tiu-ĉi povas esti la unua, la dua, k. t. p. Ekz. *bono, bano-beno*. — *Karbo, kardo-karno-karto*.

La metagramo estas simpla aŭ duobla, k. t. p. Ekz. (simpla) bono-bano.

Ekz. (duobla) : *Caro-celo*.

Ni parolos poste pri la interesaj ĉenoj da metagramoj.

**Anagramo** estas miksaĵo de donitaj literoj aŭ de la literoj de unu vorto, por formi novan, aŭ eĉ novajn vortojn. Ekz. la literoj *a-o-l-v*-donos : *lavo-valo-vola-* — *Aglo* fariĝos *galo-lago*.

Per ebligi kaj faciligi la solvojn, oni donas kiel eble plej precizan difinon de ĉiu vorto, kiel oni povas vidi en la proponitaj problemoj.

**Vortoj kvadrataj**. — Oni pli korekte dirus : kvadrate metitaj aŭ aranĝitaj. Tiu tre alloga speco da problemoj konsistas el tio : prenu tiom da vortoj, kiom estas da literoj en unu el ili. Tiuj vortoj devos esti tiaj, ke oni povu ilin legi ĉu horizontale, ĉu vertikale.

Ekz. *a r a*
*r o d*
*a d o*

**Vortoj triangulaj**. — Tiuj ĉi similas al la kvadrataj. El la donitaj difinaĵoj, oni vidas, ĉu la triangulo komencas de la pinto aŭ de la fundamento. La pinto konsistas el unu litero ; la fundamento el tiom, kiom estas da vortoj.

Plie, per tiuj difinaĵoj, oni vidas, ĉu la vortoj estas legeblaj horizontale kaj vertikale. (Tiam la pinta litero estas sama kiel la lasta de la fundamento, k. t. p.) ; ĉu la horizontalaj vortoj kaj la vertikalaj ne estas samaj. (Tiam oni devas doni difinaĵojn por ambaŭ direktoj.) Sinsekve kun la de mi proponitaj problemoj, mi donos la necesajn klarigojn kaj eĉ sebezone, figurojn, kiuj faciligos la serĉadon de la solvo.

E. V. Honincks.

---

## PROBLEMOJ (tre facilaj)

1- **Vortaj Kvadrataj**.

(Ciun vorton oni povas legi ĉu horizontale, ĉu vertikale).

Marĉa birdo — Radiko de kreitaĵaro — Ekbatale — Dolĉaĵo (radiko) — Peceto de valora metalo.

2- **Distranĉitaj vortoj**.

(Kunmetu tiujn-ĉi tranĉojn da vortoj tiamaniere, ke vi legu trivortan frazon).

v — vo — iv — ng — ue — li — sp — ta — er — an.

3- **Vortoj triangulaj**.

*Horizontale* legu vortojn signifantajn : Vokalo — Prefikso — Peceto — Ejo — Kolektiĝo.

*Vertikale* ili donos : De mieldonanta insekto — Dezideratan metalon — Preskaŭ ekzistas en la semajna tagaro — Radiko de metalo — Vokalo.

PLANTANO.

Oni sendu la solvojn al S^ro^ **Fr. Schoofs**, sekretario de la Redakcio 49, Kleine Beerstraat, Antwerpen (49, rue de la P^te^ Ourse, Anvers). Prefere skribitajn sur poŝta karto.

En la lasta numero de la 1ª jarkolekto ni publikigos la nomojn de la solvintoj. Oni povas respondi pseŭdonime.

Belaj premioj estos aljuĝataj.

# DIVERSAJ INFORMOJ

**La ekzameno** por la akiro de atesto pri profesora kapableco okazos dum la monato de Majo, verŝajne en Bruselo. La gekandidatoj estas petataj enskribiĝi ĉe la Prezidanto de la B. L. E., S^ro^ Van der Biest-Andelhof, 26, Arendstraat, Antwerpen (rue de Aigle, 26, Anvers).

— Samtempe estas rememorata ke la monologoj por la literatura konkurso estas atendataj je la sama adreso. (Vidu la Februaran numeron de « Belga Esperantisto », paĝojn 75-76).

— Aĉeteblaj ĉe S^ro^ O. Van Schoor, Vondelstraat, (rue Vondel) 20, Antwerpen (Anvers):

**Esperantaj signoj** (steletoj). Prezo 1 fr. — **Poŝtkartoj** kun la lasta portreto de D^ro^ Zamenhof. Prezo fr. 0.10.

Por ricevi poŝte la signojn kaj la portretojn sin turni al S^ro^ Fr. Schoofs, 49, Kleine Beerstraat, (Rue de la P^te^ Ourse), Antwerpen. Oni aldonu la monon.

— La **Ĉekbanko Esperantista** estas, post ekprovado de kelkaj monatoj definitive pridecidita kaj praktikebla aranĝita. Adreso : Merton Abbey, London S. W.

— S^ro^ **James H. Waters**, 41, Alton S^tr^ Openshaw, Manchester, deziras korespondi kun kolombamanto.

— **S^ro^ Drudin**, ano de la Centra Konsilantaro de la « Société Française Esperanto Croix Rouge,» rue Tronche, 107, Lyon, deziras ekrilati kun belgaj societoj kiuj organizis esperantajn kursojn por geruĝkruculoj kaj sciiĝi adresojn de geruĝkruculoj aŭ almenaŭ tiujn de la estroj kaj profesoroj.

— **L'Informilo,** G. PERRIN, rue de Rome, CALAIS,

Le but de «l'Informilo» étant de faire connaître à peu de frais l'utilité et surtout les progrès de l'Esperanto à la masse intellectuelle, les groupes feront une excellente propagande en le faisant parvenir *gratuitement* en dehors de leurs sociétaires à M. M. les conseillers municipaux, médecins, avocats, officiers, exportateurs, aux membres de l'enseignement, aux journaux locaux, aux élèves ayant suivi ou suivant des cours, etc.

Ci-dessous les prix pour les groupes :

| | | |
|---|---|---|
| 10 exemplaires . . Fr. | 0.40 | Franco, |
| 25 » . . . | 0.80 | |
| 50 » . . . | 1.50 | Payable |
| 100 » . . . | 2.50 | |
| A partir de 200, le ⁰/₀. | 2.00 | d'avance. |

— Dum la lasta kongreso de Esperantistoj en Dresdeno la diverslandaj kuracistoj organizis *Tutmondan Esperantan Kuracistan Asocion* (T. E K. A.), celantan la praktikajn interrilatojn inter ĉiulandaj kolegoj.

Kiel oficialan organon la T. E. K. A. alprenis por 1909 la revuon «Voĉo de Kuracistoj».

La malgranda kotizaĵo, kiun pagos ĉiu membro (5 fr = 2 Sm), entenata la abonprezon de la ĵurnalo, estos multoble kompensata per la utilo, kiun certigas al li la unuiĝo inter la anoj de T. E. K. A.

Estis elektitaj, kiel prezidanto : Prof. Dor (Lyon) ; vicprezidantoj : D-roj Mybs (Altona), Whitaker (Liverpool); sekretario : D-ro W. Robin (Varsovio); kasisto : Prof. Soulier (Lyon); konsuloj : en Francujo D-roj Vallienne kaj Artigues ; en Rusujo D-ro Ŝidlovski kaj Kabanov ; en Aŭstrujo Dr-o Skalkowski ; en Germanujo D-ro Mybs ; en Polujo D-roj Krukowski kaj Léon Zamenhof ; en Anglujo D-ro Legge ; en Svedujo D-ro Krikortz ; en Hispanujo D-ro Rogelio Pérez Domingo, Huérmecas : en Kanado (Ameriko) D-ro Brossard, Laprairie ; en Belgujo D-ro W. Broeckaert.

Kiel honoran prezidanton oni elektis unuvoĉe D-ron L. L. Zamenhof.

La esperantistaj kuracistoj estas petataj aliĝi al la Asocio, kaj sendi ĉiujn sciigojn al D^ro W. Broeckaert 14, Lange Beeldekensstraat, Antwerpen 14, Longue rue des Images, Anvers).

— **Internacia instituto de Esperanto.** Antaŭ du jaroj estas fondita Internacia Instituto de Esperanto, esperantia entrepreno, (Parizo—Londono—Berlino—Nov-Iorko), por la instruado de la internacia lingvo de D^ro Zamenhof al ĉiuj popoloj.

Pri tiu instituto ni ricevis cirkuleron enhavantan la nomaron de la Helpa Konsilantaro kaj de la Direkcio, kaj ĉiujn sciigojn pri ĝia celo kaj funkciado.

Ĉar tiu cirkulero estas tro ampleksa por esti enpresata en « Belga Esperantisto» ni konsilas al nia legantaro kiu interesiĝas pri la afero, peti ĝin al la Centra Sekretariejo : 19, *Pont d'Arve*, ĜENEVO (Svislando) aŭ al S^ro Karl Schriewer, internacia libristo en MORESNET-NEUTRA, (Belga-Germana Landlimo).

## Grava Sciigo.

## Internacia Esperantista farmaciista asocio.

Ni petas ĉiujn esperantistajn ĵurnalojn kaj revuojn ke ili bonvolu enpresigi kiel eble plej baldaŭ la jenan sciigon.

La 21^an de Aŭgusto 1908, en Dresdeno, dum la kvara Esperanta kongreso, kelkaj farmaciistoj el diversaj landoj fondis la **Internacian Esperantistan Farmaciistan** Asocion (**I. E. F. A.**). La celo de tiu asocio estas favori ĉiujn interrilatojn profesiajn, sociajn, sciencajn, kaj aliajn, inter la farmaciistoj de la tuta mondo. Kiam la nombro de la anoj estos sufiĉe granda, oni povos eldoni internacian revuon tutmondan, esperante redaktata. Ni insiste petas ĉiujn farmaciistojn enskribiĝi kiel ano, doni al ni la nomojn de la esperantistaj kunfratoj kiujn ili konas, kaj enpresigi la nunan sciigon, en nacia lingvo tradukita, en sian nacian farmacian ĵurnalon.

La aneco estas senpaga : nur tiuj kiuj volas pagi kotizajon por helpi la disvastigadon de nia ideo inter farmaciistoj povas sendi monsumon laŭvolan.

Oni sendu ĉiujn sciigojn al la sekretario de la I. E. F. A. Oscar Van Schoor, farmaciisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen, Belgujo.

**Specimenaj numeroj de «Belga Esperantisto».**

Por ricevi specimenajn numerojn de «Belga Esperantisto» oni estas petata antaŭsendi la prezon, montratan sur la unua kovrila folio. Por la eksterlando : du respondkuponojn da 25 centimoj.

# BELGA KRONIKO

**ANTVERPENO.** La lokaj jurnaloj *Handelsblad*, *la Métropole* kaj *Volkstribuun* publikigis dum la lasta tempo tre interesajn kaj favorajn artikolojn pri Esperanto.

— **Antverpena Grupo Esperantista.** Intima festo kuniĝos je Sabato la 24ª de Aprilo la membrojn de tiu agema grupo en la festsalono de la « Taverne Royale ». Kvankam la instruado estas finita, la esperanta vivo ne estingas ĉe la grupanoj. La kunvenoj daŭriĝos dum la somero, kaj belaj ekskursoj estos organizataj.

— **La Verda Stelo.** La vigla grupo « Verda Stelo » malfermas somerajn kursojn.

La kurso per flandra lingvo okazos ĉiujaŭde, je la 8 1/2ª vespere, komencante de la 22a de Aprilo, — tiu per franca lingvo ĉiumarde, je la sama horo, komencante de la 27ª.

La instruado estos donata en la komunuma lernejo nº 16, Groote Hondstraat, (rue du Grand Chien), pri kiu la grupo senpage disponas, laŭ bonvola permeso de la Urbestraro.

De 1906 la Antverpena Urbestraro donas ĉiujaran helpmonon al la supre cititaj grupoj : 300 frankojn al la A. G. E, 200 frankojn al la V. S. Laŭdinda ekzemplo por aliaj urboj !

**BERCHEM'O.** — En la salono de la kafejo « Limburgia » okazis, la 5an de Aprilo, la ĝenerala jarkunveno de la Berchema Grupo. La festa parto estis tre bela kaj multege interesis la ĉeestantojn, dank'al la kunhelpo de la Berchema Mandolina Klubo sub la direkto de Majstro J. Benoit, kaj de aliaj tre lertaj kaj tre spertaj samideanoj.

La simpatia prezidanto, Sro Profesoro Havermans, esperante kaj flandre, dankis la kunlaborantojn de la festo, kaj ankaŭ la samideanojn de aliaj grupoj kiuj venis por doni al la Berĥemanoj la pruvon de frateco kaj de sindonemo al la esperantista idealo. La festo treege sukcesis kaj ni certe kredas ke tiu sukceso baldaŭ okazigas grandan revivigon kaj reflorigon de nia frata grupo en Berchem'o.

**BEYNE-HEUZAY**, La 13an de Marto okazis la unua ĝenerala ĉiujara kunveno de la juna sed agema grupo « Antaŭen ».

De nun, la komitato estas kunmetita tiele :

Prezidanto : Dro H. Dupont ; Vic-Prezidanto ; Sro H. Bihain ; Sekretario, Sro A. Piron ; Kasisto : Sro Henri Dupont ; Bibliotekistino : Fino M. Piron ; Komisarioj : Sroj A. Paquay kaj J. Albert.

Oni plezurege konstatis la antaŭen marŝadon de l' grupo kaj samtempe la bonan staton de la kaso, Dum la lasta jaro la grupo organizis du kursojn ; la unua, instruita de Fino Piron, kunigis 14 knabinojn, la dua, instruita de Dro Dupont, kalkulis 25 lernantojn.

**GENTO.** Ĝis nun la Gentanoj ŝajnis tute senatentaj pri Esperanto, kvankam tiu urbo enhavas multe da unuopaj esperantistoj ; ekzistis nek grupo, nek esperantistaj kunvenoj.

Kelkaj samideanoj celantaj la partoprenon de siaj samurbanoj en la esperantista movado organizis, la 7an de tiu ĉi monato, kunvenon kun parolado pri Esperanto en la salono de la « Hôtel des mille colonnes », apud la ĉefa stacidomo, kaj starigis grupon. La parolinto estis Sro Van der Biest-Andelhof. prezidanto de la Belga Ligo Esperantista. Atendante pliajn detalojn pri la afero, B. E. bondeziras tutkore sukceson al siaj Gentaj amikoj kaj esperas, ke post nelonge ili okupos honoran rangon en la belga esperantistaro.

**LIEGÔ.** La loka jurnalo « La Meuse » publikigis dum la Marta monata du tre legindajn artikolojn pri Esperanto,

**MARIABURG'O** La gasttablo organizita de la « Verda Flago » tre bone prosperas. Oni kunvenas ĉiujaŭ le, je la 8a vespere (Kie ?) La grupanoj tre fervora ĉeestas kaj jam tre flue interparolas esperante. La « Verda Flago » post nelonge starigos novan grupon en Eekeren.

**ST GILLES apud Bruselo.** Nia lerta kaj fervora samideano. Sro Verbanck, sukcesis fondi esperantistan grupon en tiu grava antaŭurbo de Bruselo. La 27an de Februaro nia amiko Abato Richardson tie faris tre interesan paroladon. Koran bonvenon kaj longan vivadon B. E. deziras al la nova societo !

**VERVIERS. Nova Grupo.** De kelkaj monatoj, kvindeko da junuloj membroj de la sobrecsecieto « la Socia Feliĉo », studadas Esperanton.

La nova grupo plej fervore kaj entuziasme daŭrigas sian lernadon ; ĝia agado certe bone utilos al la disvastigado de nia kara lingvo inter la anoj de tiu grava sobrecsocieto,

— **Esperantista Grupo.** Tiu anaro inde solenis la tri Reĝojfeston per gaja amika kunveno.

La oficiala himmo « l'Espero », are kantita, malfermis kaj finis la feston, Talentaj gemuzikistoj kaj gekantistoj, eĉ diver slandaj, aplaŭdigis sin ; speciale devas esti citata tre bela esperanta literaturajo, legita de sia aŭtoro, Sro F. R.

Tiu bela festo ege sukcesis. La partopreintoj konservos pri ĝi la plej agrablan memoron.

Oscar Van Schoor.

---

# Het Esperanto in den Vreemde

**FRANKRIJK.** — Het laatste nummer der « *Gazeto oficiala* » vermeldt op 5n Maart het bestaan van 317 steden met esperantische consulaten, 129 beroepsvereenigingen, 1327 groepen en 83 tijdschriften ; de overeenkomstige cijfers op 5n Januari waren 303, 131, 1242 en 78.

— Het Esperanto maakt grooten vooruitgang in het Leger en bij het Roode Kruis. Te Beauvais geeft luitenant Bayol eenen leergang bij den « Bond der Fransche Vrouwen ; » te Laval onderscheiden zich kapitein Barraud van het 124de Inf. reg. en de reserve-luitenant Blangarin ; te Lyon maakt kapitein Drudin een werkzame propaganda ; te Hyères geeft de soldaat Georges Mallet van het 2e koloniaal reg. eenen leergang aan 25 zijner kamaraden ; te Dijon geeft Dr Blanc onderwijs in Esperanto in het Soldatenhuis.

# L'Esperanto à l'Etranger

**FRANCE.** Le dernier numero de la « *Gazeto oficiala* » mentionne l'existence au 5 mars de 317 villes où existent des consulats espérantistes, 129 unions professionnelles, 1327 groupes et 83 revues ; les chiffres correspondants au 5 janvier étaient 303, 131, 1242 et 78.

— L'Esperanto fait un grand progrès à l'Armée et à la Croix-Rouge. A Beauvais le lieutenant Bayol donne un cours à l' « Association des Femmes françaises » ; à Laval se distinguent le capitaine Barraud du 124me rég. d'inf. et le lieutenant de réserve Blangarin ; à Lyon le capitaine Drudin fait une propagande active ; à Hyères le soldat Georges Mallet du 22me rég. colonial donne un cours à 25 de ses camarades ; à Dijon le Dr Blanc enseigne l'Esperanto au « Foyer du soldat, »

